Jaro 12 Aprilo 1960 N-ro 4



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo : Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



Finna Laborista Instituto, en kiu okazos nia 13-a IFEF-kongreso

## La 12a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




HELSINKI Finnlando 11 ĝis 16 junio 1960

Adreso: Helsinginkatu 6 B 50, Helsinki

Bankkonto 60264 PYP Pohjois - Haaga, Helsinki

**Informilo n-ro 4**




### ĜENERALAJ INFORMOJ

**Vojaĝprezoj**

Ŝipbiletoj de Stokholmo al Tuurku kostas:
kun kajuto 1-a kl. 80 Svkr.,
kun kajuto turista kl. 60 Svkr.,
sen kajuto ferdeka kl. 35 Svkr.
Ŝipbiletoj estas mendataj kiel estas klarigite en ,,Internacia Fervojisto'' n-ro 3. Ĉiuj, kiuj volas uzi ,,Esperanto-grupvojaĝo'', ekveturo de Stokholmo la 10-an de junio, ricevos 20 % rabaton.
Grupojn oni formas en Stokholmo, kie oni povos pagi ĉiujn menditajn ŝipbiletojn.

**Monŝanĝejo**

En la ĉefstacidomo estas malfermata sabate inter la 8.30 kaj 14a horo, kaj en labortagoj de la 8.30 kaj 16a horo.
Bankoj estas malfermataj sabate de la 9a ĝis la 13a kaj dum labortagoj de la 9.30a ĝis la 15a horo.

**Poŝtoficejo**

En la dua kongrestago funkcias provizora poŝtkontoro en la kongresejo. En tiu tago sendota poŝto estos ŝtampota per speciala poŝta stampo. Ĝi estos memoraĵo pri nia kongreso kaj samtempe kontentigos niajn filatelistajn samideanojn. Por tiu okazo aperos ankaŭ speciala koverto.

**Glumarkoj**

L.K.K. eldonas kongresan glumarkon. Folio po 10 ekz. kostas 1 respondkuponon aŭ 40 Fmk. Mendu tuj ĉe la L.K.K. kaj uzu ilin propagandcele.

**Esperantilingva komedio**

En la kongreso la amatora Kultura Societo ,,Branko Gvetkovic'' el Jugoslavio prezentos la komedion ,,Mande'' de Marian Drizic.

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1 Malfermo
2 Elekto de protokolistoj
3 Ricevitaj salutleteroj kaj telegramoj
4 Rimarkigoj pri la kongresraporto de Linz
5 Pritrakto de la jarraportoj
   a) de la sekretario
   b) de la kasisto
   c) de la redaktoro
6 Pritrakto de la kongresproponoj
7 Estrarelekto (la tuta estraro estas reelektebla)
8 Elekto kaskontrola komitatano
9 Elekto konflikta komitato
10 Elekto de la kongresloko en 1961 kaj la provizora en 1962
11 Resumo de la kongresdecidoj
12 Libera diskutado
13 Fermo de la laborkunsidoj

## TAGORDO DE LA ESTRARA KAJ DELEGITARA KUNVENO

1 Malfermo
2 Pri la elekto de protokolistoj por la kunsidoj
3 Klarigo pri la stato en la estraro
4 Diskutado pri la raportoj de la landaj sekcioj
5 Priparolo de la kongresproponoj
6 Libera diskutado
7 Fermo

## TAGORDO DE LA TERMINARA KOMITATO

1 Malfermo
2 Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la farita laboro
3 Sugestoj pri nova tasko
4 Libera diskutado
5 Fermo

## TAGORDO DE LA REDAKTORA KOMITATO

1 Malfermo kaj raporto de la IFEF-redaktoro
2 Raporto de la landaj redaktoroj
3 Priparolo de la kongresproponoj de FFEA
4 Libera diskutado
5 Fermo

**Pro tio, ke ni disponas pri nur unu tago por la laborkunsidoj, estas konsilinde, ke en la antaŭkunvenoj ni funde pritraktu la koncernajn kongresproponojn. Agante tiel, ni evitas temporabajn diskutojn dum la laborkunsidoj.**

## ANTAŬKONGRESO EN HALLSBERG

Okaze de la kongreso en Helsinki la sveda sekcio aranĝos antaŭkongreson en Hallsberg dum la tagoj 7—9 de junio 1960.
La kosto estas 5 sv.kr. kiujn vi pagos samtempe kiam vi anoncas vin al S-ro Ragnar Elofsson, Västra Gatan 2, Örebro, Svedio laŭ jena maniero:
1) Poŝtĝira konto 100671 Örebro;
2) Per bankĉeko al „Örebro Sparbank" bankkonto 168636, Örebro, Svedio.
Bonvolu sciigi ĉu vi estas viro aŭ virino (por loĝado). Partoprenantoj loĝos private ĉe kolegoj, kaj la unuaj aliĝantoj havos eblecon loĝi ĉe esperantistoj.
Bonvolu ankaŭ, se eble sciigi al ni vian alven- kaj forirtempon.
Ni ne faris specialan aliĝilon. La limtago por aliĝi estas la 15-a de majo.

**El la provizora programo:**

Rigardi la novan ĉentransportilon en la fervoja transŝarĝmagazeno.
Vizito ĉe la fabriko por fabrikado de la sveda briko **Ytong** (peroza betono) por domkonstruado. Pri la fabrikado informos Dir. Erik Carlén esperantlingve.
Vizito en Örebro, la ĉefurbo de nia provinco.
Dum la vesperoj amuzaj programoj.

La estraro de S.F.E.F.

## MOTIVOJ KAJ ŜAJNMOTIVOJ POR LA VORTO SUOMIO

Ĉu ne estas strange, ke ĉiam plu iu eniras en la diskuton pri la vorto Suomio, sen komence rigardi la motivojn, pro kiuj tiu vorto estas ekuzata? En n-ro 15 de 1-11-'58 s-ano Dratwer reelfosas la konsumitan kontraŭmotivon „Suomio-Dojĉio", kiu validus nur tiam, se motivo por la vorto riproĉata estus iu tendenco patriota. Ĉu ne la uzantoj de la nova vorto ofte kaj klare prezentis siajn verajn motivojn?

1. Duobla konsonanto difektas la strukturon de Esperanto kaj ĝia diferenca prononcado estas malfacila por multaj popolanoj.
2. Dum la tempo de Zamenhof la „provinco" Suomio estis ankoraŭ tiom negrava, ke por ĝi sufiĉis la provizora nomo „Finnlando".
3. Dum la tempoj de Zamenhof kaj Kalocsy la vorto Suomio ne jam estis internacie komprenebla, sed poste la ĉemizoj de suomaj sportistoj ĝin portis en ĉiujn landojn.

Ke ne kunestas patriota motivo, evidentiĝas jam el tio, ke la nova vorto komencis sian vivon inter germanoj, norvegoj kaj francoj, kaj nur poste sekvis la personoj spirite junaj kaj ĉiam lernemaj en la samideanaro enlanda, kvankam ĝuste por ili estis malfacile foriri de vorto, kiu pro multa uzo jam estis intima al ili. Motivojn oni ataku, se oni volas, sed oni ĉesigu la atakojn kontraŭ ŝajnmotivo, kiu neniam ekestis.

(Represaĵo el Heroldo de Esperanto 1959-2) Hemmo Tietti

## FINNLANDO - UTOPIO INTER DU MONDOJ

Devas esti eksterordinara lando, kie taksio-ŝoforoj mire redonas al vi trinkmonon; kie la hotelservisoj faras la saman; kie ili faras ĉampanvinon, kiu je ekspozicio ne nur povis konkeri kun la plej bona kiun la francoj vendas en tiu ĉi speco, sed kiu estis taksata eĉ pli alte.

La lando, kie ĉio estas tia — Finnlando — efektive estas treege speciala lando. Eĉ la loĝantoj de Svedio, Danlando kaj Norvegio, kiuj tamen vere kutimas ion je la kampo de loĝkulturo kaj komforta vivado devas konfesi ĝin: Finnlando estas preskaŭ miraklo.
Antaŭ ĉio, kiam oni pripensas en kia malagrabla pozicio la finnoj estas inter oriento kaj okcidento, oni ekhavas la plej grandan admiron pro ili.
Helsinki, la ĉefurbo de Finnlando kun sia pli ol kvar-miliona loĝantaro, estas urbo kun modernaj oficejokonstruaĵoj kaj vicoj da altkonstruitaj loĝejoj, kiuj freŝe kaj multkolore impresas.
Ĉiu finno estas fiera pri la centra stacidomo de Helsinki, kiu interne kaj ekstere estas modelo de moderna arkitekturo, hipermoderna. La stacidomo estas konstruita antaŭ la unua mondmilito.
Ĉiuj tabuloj en la stacidomo estas kvar-lingvaj: finne, svede, germane kaj angle. Tamen ne tre multaj eksterlandanoj venas al Finnlando. Sed en Helsinki oni povas aĉeti la plej grandajn anglajn kaj francajn ĵurnalojn, ankoraŭ je la aperdato. Multaj finnoj legas eksterlandajn gazetojn.
Estas purege en la belega centra stacidomo de Helsinki. Antaŭ la giĉetoj ne staras vicoj da atendantaj vojaĝantoj. Sciu, ke estas tiom da giĝetoj, ke vicoj povas esti evitataj. Ankaŭ tio estas tipe finna.
En eksterkvartalo de Helsinki, meze de altaj arboj, troviĝas la studenta kvartalo. Granda nombro da altkonstruitaj loĝejoj tre komforte gastigas la studentojn de la teknika universitato. Ĉiu studentloĝejo havas televido-aparaton, ege modernan kuirejon kun ĉiuj modernaj novaĵoj kaj lokon por meti infanveturilon. La luprezo estas treege malalta.

Le needziĝintaj studentoj manĝas en komuna manĝsalono, kiu aspektas kiel satalitparto en la universa spaco. Laŭ la tuta longeco en tiu ĉi salono oni alkonstruis supermezuran fenestron.
Malgraŭ ĉiu komforto, per kiu la registaro ĉirkaŭas ilin, la studentoj multe laboregas.

La plej multaj finnoj havas sufiĉe bonan enspezon. Pro tio la taksio-ŝoforoj kaj hotelservistoj ĝentile sed certe redonas trinkmonon. Ili ne bezonas ĝin. Virinoj en Finnlando preskaŭ ĉiuj laboras. Ili ofte faras laborojn, kiujn oni alilоke vidas en viraj manoj.

Ĉe la frizisto virino tondas viajn harojn. Malsanaj dentoj plejofte estas plenigataj de inaj dentistoj.

Sen troigo oni povas diri, ke laŭlonge de la bordoj de la finna kaj botnia golfoj ekzistas moderna utopio. Utopio kiu ankoraŭ estas malmulte konata. Tamen ne ĉio estas moderna en Helsinki.

Laŭlonge de la kajo de la haveno estas ĉiumatene merkato. Bonhumoraj dikaj virinoj tie en siaj multkoloraj budetoj vendas ĉiuspecajn fiŝojn, kaptitajn en la akvo ĉirkaŭ Finnlando. Sed ankaŭ vestaĵoj, legomoj, viando, tasoj kaj ĉio, kion la dommastrino bezonas estas tie aĉetebla sur la ŝtonoj laŭlonge de la haveno, kie odoras je fiŝoj kaj malnovaj ŝipoj.

De centoj da insuletoj en la ĉirkaŭaĵo la maljunaj vendistoj, kun siaj mallongaj, karakterizaj pipoj, venas al la vendoplaco por vendi kestetojn da terpomoj kaj freŝajn fiŝojn.

La manĝado en Finnlando, ankaŭ eksterdome, estas pli malmultekosta ol en multaj aliaj landoj. Lunĉo kun sep pladoj kostas en bona restoracio malpli ol dek guldenojn.

Fine la rakonto pri la ĉampanvino, pri kiu la finnoj kore ridis antaŭ nelonge. Estis franca ekspozicio en Helsinki. Ege multan intereson havis konkurso por la kritikado de ĉampanvino, por kiu eĉ ekspertizistoj el Francio alvenis. La finnoj estis metitaj botelon da sia propra ĉampanvino (la francaj organizantoj nenion sciis pri tio) inter la boteloj, kiujn la komitato de premiado devis kritiki. La finna ĉampanvino ricevis unu el la plej altaj premioj! La francoj miregis. „Sed tio estas neebla!" ili ekkriis, „ĉar en Finnlando ne kreskas vinberoj". „Ni faris nian ĉampanvinon ne el vinbersuko, sed el bersuko" trankvile respondis la finnoj. El „Algemeen Dagblad" tradukis Jan Poptie.

## KIU ESTAS KIU EN LA ESPERANTO-MOVADO?

Stranga titolo, ĉu ne? Kiu konas kiun en la Esperanto-Movado?
Fakto centfoje ripetiĝanta estas, ke la scio pri tiu aŭ alia persono (ni intence evitas la vorton **eminentulo,** tro uzitan ĝis nun) inter niaj aktivuloj estas minima, se ne nula. Pri mortintoj oni ĝenerale povas esti indulgema: je la kvara generacio de nia esperantista familio vere ne povas koni ĉiujn, kiuj esperis, laboris kaj iris la vojon de ĉio tera.
Sed la afero estas tute alia pri la nunaj aktivuloj — sur pli alta ebenaĵo. Ilin oni devas koni pli vaste kaj precize ol nura nomo, hejmlando kaj signifa esperantisteco. Eĉ se koncize, oni devas ilin koni iom detale, kaj fidinde. Por forigi tiun evidentan mankon en nia dokumenta literaturo, la eldonisto J. Régulo Pérez, per la konataj serioj popularigitaj sub la nomo STAFETO, prenis sur sin la taskon eldoni libron kun la supra titolo (laŭ la multe uzata **Who is Who?:** ekonomia-politika-diplomata eldonaĵo).
La **Kiu estas Kiu?** esperantista celas doni koncizajn sed fidindajn informojn pri pasintaj pioniroj kaj nuntempaj aktivuloj, kiuj iel koninde kontribuis al nia Movado. La skemo estas proksimume jene:

„Nomo(j), antaŭnomo(j), eventuale pseŭdonimo(j).
Dato (tago, monato, jaro) kaj loko de naskiĝo, ev. de morto.
Studo(j), ev. ankaŭ ŝatokupiĝoj.
Agado por Esperanto, kun precizaj indikoj pri lokoj, jaroj ktp.
Verkaro, kun indiko de kompleta titolo de la pecoj, loko kaj jaro de eldono, ev. numero de eldonoj de ĉiu peco kun pli ol unu.
Notindaj apartaĵoj aŭ aldonaĵoj".

Ĉio en konciza, telegrafa, leksikona maniero, sed sufiĉe klare, por eviti denovan enketon pri dubaj punktoj. La tekston, ĉe la plej konataj gravuloj, akompanu bona pasportformata bildo por ornami la biografieton.
Redaktas la libron la estinta Direktoro de UEA S-ro Hans Jakob, Palais Wilson, Genève, Svislando. La Estraro de UEA rajtigis lin uzi la riĉan materialon de la UEA-Biblioteko en Ĝenevo; plie la redaktoro disponas ampleksan dokumentaron el la redakcio de la **Enciklopedio de Esperanto.**
Temas pri kolektiva verko kaj la bonvolan helpon de ĉiuj ni insiste petas kaj tre dankas. Ideojn kaj konsilojn plezure ricevos la redaktoro.
Antaŭvideble la libro devas esti finredaktita kaj prestaŭge tajpita frue en 1960 (sub la kutima rezervo, bone komprenita).
La IFEF-estraro forte rekomendas la kompiladon de tiu libro, kaj tial ĝi proponas al la landaj estraroj (ev. izolaj membroj) kolekti la petitajn informojn koncerne la aktivulojn en sia mezo.
Oni tamen urĝu, ĉar la tempo estas limigita.

## LA LEGANTOJ PAROLAS

### Ankoraŭfoje la skribmaŝino de GEFA

En la decembra numero de la IFEF-organo d-ro Waysblum okupiĝas pri la klavaro de nia skribmaŝino. Atakante la problemon el sia vidpunkto, li opinias ke la literoj kun supersignoj povas esti kompostataj el pluraj frapoj de normal-maŝinoj. La kosto pro ŝanĝendaj literoj estas pro tio evitebla. Laŭ nia sperto la nuntempe konstruitaj skribmaŝinoj — almenaŭ tiuj en Germanio — ne plu entenas la supersignon ‚ˆ'. Oni devas formi ĝin tajpante dufoje, nome ‚´' kaj ‚`'. Se estas bezonata majusklo kun supersigno, oni devas turni iom la cilindron (por ke la posta majusklo ne kovru la supersignon), dufoje frapi (´ kaj `) kaj fine tajpi la literon mem. Jus tiun malpraktikan manipulon ni volis eviti. Studinte aliajn Esperanto-klavarojn ni decidis trovi la sekvan sistemon:

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| " | + | % | " | ( | ) | - | § | / | : | Ĝ |
| 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | = | ŭ | ĝ |
| Q | W | E | R | T | Z | U | I | O | P | Ĵ |
| q | w | e | r | t | z | u | l | o | p | ĵ |
| A | S | D | F | G | H | J | K | L | Ŝ | Ĉ |
| a | s | d | f | g | m | j | k | l | ŝ | ĉ |
| Y | X | C | V | B | N | M | ? | ' | ĥ | |
| y | x | c | v | b | n | m | , | . | - | |

Ĉia eksternormala modifo de unuopaj literoj kostas monon, sed la plifaciligo de nia ampleksa skribado valoras la investitan sumon.

Germana Esperanto Fervojista Asocio.



### NI GRATULAS

Ĉe dompordo n-ro 16 de Via Lugano en Giubiasco (Ti) Svislando, anoncis sin ĉarma knabo

MAŬRICIO

la unua fileto de la aktiva juna prezidanto de SAEF

KURT GREUTERT KAJ EDZINO

En la nomo de nia anaro ni tutkore gratulas la feliĉajn gepatrojn.

La IFEF estraro

## EL ALIAJ ESPERANTO-ORGANIZOJ

Por granda ekspozicio en aprilo, Johanesburga Esperanto-Societo volas ricevi portretojn de unuopaj gesamideanoj, laŭ formato minimume 10 × 15 cm. Aldonu informojn pri vi mem, pri via laboro kaj skribu maksimume 66 vortojn

pri la temo: „Kial mi lernas kaj ŝatas Esperanton".
Propagandtaŭgajn verkaĵojn oni premios. Oni ankaŭ deziras bildkartojn, gazetojn, afiŝojn, turismajn broŝurojn, nacilingvajn Esperanto-lernolibrojn kaj vortarojn. Sendu antaŭ 25 marto al E. W. Woodruff, Esperanto-ekspozicio, P.O. Box 3293, Johannesburg, Sudafriko.
Bedaŭrinde ni ricevis ĉi tiun alvokon tro malfrue por presigi ĝin en la februara numero de L.I.F. Se oni tamen tuj ekagas, sendo de esperantaĵoj povos ankoraŭ utili. (Red. L.I.F.)
**La 45-a Universala Kongreso de Esperanto** okazos en Bruselo (Belgio) de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto 1960, sub la alta protektado de Lia Moŝto Bedauino, Reĝo de Belgio.
Sur la programo staras diversaj ekskursoj, prelegoj kaj fakaj kunvenoj. La belga **IFEF-sekcio** prizorgos la fervojistan kunvenon, kiu entenas prelegon pri: „La Belgaj Fervojoj", „Fervojoj kaj lingvobaroj" kaj „Prizorgado de belgaj fervojistidoj".
Antaŭkongresan renkontiĝon aranĝos la esperantistoj en Arnhem, Nederlando, de la 27-a ĝis la 30-a de julio.
Faldfolioj pri la urbaj vidindaĵoj kaj informoj pri ĉi tiu renkontiĝo estas haveblaj ĉe la sekretario de la komitato, s-ro H. Groenendijk, Pontanuslaan 7, Arnhem, Nederlando.
Ankaŭ estas havebla — senpage — bela afiŝo de grandeco 95×75 cm kun esperanto-teksto kaj slipo pri la antaŭkongresa renkontiĝo, sed oni povas disponigi tiun nur al grupoj kaj personoj, kiuj uzos ĝin por ekspozicio, en montraj fenestroj kt.

**La 13-a Kongreso de Kristana Esperantista Ligo Internacia** okazos ĉi-jare en **Hedenesse** ĉe **Cadzand** en Nederlando, sur la sojlo de Flandrujo.
Ĝi okazos tuj antaŭ la U.K. en Bruselo, de la 23-a ĝis la 30-a de julio. Ĉeftemo de la kongreso estos: **„Aktualaj problemoj en la vivo de Kristano".** Krome okazos bibliaj studoj, distraj kunvenoj, filmprezentadoj kaj ekskursoj al nederlandaj kaj belgaj banlokoj kaj al la fama belga urbo Bruĝo. Prezo de la partoprenado en la tuta kongreso, inkluzive restado, manĝado, tranoktado kaj unu tuttaga ekskurso estas 80 ned.gld. Informojn donos f-ino Tini Putto, Bennekomseweg 20, Ede (Gld.), Nederlando.

**Sveda Esperantista Junulara Unuiĝo kaj Klubo Esperantista de Skövde** aranĝos la 24—26-an de junio 1960 la trian mezsomeran Junular-renkontiĝon je **Simsjön,** belega monta lago proksime de Sövde. Ili disponas propran vilaon apud la lago kun riĉaj eblecoj por bano, kanot- kaj velboat-sporto. Dum la tradiciaj mezsomeraj festotagoj estos aranĝoj je la lago kun dancado ĉirkaŭ tipe sveda mezsomera stango, ludoj kaj konkursoj per boatoj kaj aliaj eventoj. **Kotizo** (en kiu loĝado kaj manĝado estas enkalkulitaj) estas nur 25 sv.kr. por junaj svedaj esperantistoj, kaj 15 sv.kr. por eksterlandanoj. Se iu volas plilongigi sian restadon, li aŭ ŝi pagos 5 sv.kr. potage.

Aliĝoj kaj informoj ĉe Börje Andersson, Ingegatan 4 A, Skövde, Svedujo.

**La 33-a SAT-kongreso** okazos ĉi-jare en Aarhus, Danio, de la 23-a ĝis la 29-a de julio. La programo entenas i.a.: „Kamaradeca vespero, tri laborkunsidoj, kultura vespero kaj tuttaga ekskurso per trajno tra la grandaj erikejoj al la okcidenta marbordo. Poste al urbo, kie oni vidos teksfabrikojn, adiaŭa vespero evt. kun balo".

**La 27-an de julio la dana IFEF-sekcio okazigos fervojistan kunvenon,** en kiu oni i.a. montros filmon kaj prelegos pri „Danio, la lando de la fervojaj pontoj".

## INTERNACIA DIPLOMO PRI ESPERANTO

Dum la Varsovia kongreso la komitato de UEA starigis regularon pri Internacia Ekzamena Komisiono. Tiu komisiono IEK havas tre gravan taskon por plenumi en la estonteco de nia movado kaj estas tre dezirinde, ke la kapablaj gesamideanoj subtenu ĝian laboron.

Ĉiuj scias, ke sukceso en la lernejoj estas unu el la plej gravaj antaŭenpaŝoj por la sukcesigo de nia afero. Por atingi tiun sukceson UEA, la landaj asocioj kaj la instruistaj asocioj vigle agadas.

Pro tio agadas la kampanjo pri lernejoj organizita de s-ro Malmgren, pro tio ankaŭ en Varsovio la komitato de UEA ekklopodis pri plano por interŝtata konsento rilate al la instruado de Esperanto. Sed se ni sukcesos, venos nepre la demando: „Kiuj kapablas pri tia instruado, kian rajtigilon donas Universala Esperanto-Asocio pri lingvoscio?

La laboro de IEK celas pretigi respondon al tiaj demandoj, donante diplomon altnivelan pri lingvoscio, pri alta kultura nivelo kaj pri kono de la movado.

Ĝi ankaŭ kontrolos la konon de la kandidatoj pri instrumetodoj kaj pedagogio, kvankam ĝi ne per tio celas anstataŭi la enlandajn legitimilojn por instruisto.

Plue por ĉiuj celoj, propagandaj vojaĝoj, enkonduko de Esperanto en fakajn rondojn ktp. estas tre dezirinde, ke ekzistu granda forto de homoj vere kleraj pri la Internacia Lingvo. La utiligo de ĉi tiu diplomo estos, ke ĝi donu la necesan kvaliton kaj taŭgan kvalifikon al la ambasadoroj de nia afero. Ni tial petas al ĉiuj, kies lingvo-scio akordas kun la postuloj de la regularo, kaj kiuj havas la necesajn atestojn, ke ili subtenu la ideon kaj grandnombre partoprenu la unuajn ekzamenojn. Ili okazos en Bruselo du alternativaj datoj antaŭ kaj post la kongreso, la 30-an de julio kaj la 6-an de aŭgusto. En akordo kun la regularo estas eble, ke oni aranĝu aliajn ekzamenojn se bezono por tio montriĝas.

La anojn de la komisiono kaj ties sekretarion oni poste anoncos. Intertempe sendu vian aliĝon, kune kun la kotizo de tri usonaj dolaroj, al sinjoro N. R. Smith, estrarano pri Kulturaj Aferoj, 75 South Ealing Rd., London W 5, Britujo. Kotizojn oni ankaŭ sendu al la Centra Oficejo de UEA rekte aŭ per la landaj perantoj. Aliĝojn kaj petojn pri informo sendu al s-ro N. R. Smith.

## INTERNACIA EKZAMENA KOMISIONO DE U.E.A.

**I) CELO** — La Internacia Ekzamena Komisiono (I.E.K.) celas, pere de altkvalitaj ekzamenoj, al prepariĝo de lertaj Esperantistoj de lingva vidpunkto necesaj por plua vasta aplikado de la Lingvo Internacia en la diversaj kampoj de la kultura, scienca, teknika, moderna aktiveco.

**II) TASKO** — La I.E.K. zorgas konsekvence pri internaciaj ekzamenoj okaze de Universala Kongreso aŭ de aliaj kulturaj internaciaj manifestacioj laŭ la decidoj de la Estraro de U.E.A.

**III) KONSISTO KAJ FUNKCIO DE LA I.E.K.** — La membroj de la I.E.K. estas nomataj de la komitato de U.E.A. La I.E.K. konsistas el 5 ĝis 7 membroj, kaj ĉeestas la ekzamenojn almenaŭ tri el ili.

La membroj de I.E.K. elektas inter si prezidanton kaj sekretarion.

La I.E.K. respondecas al la Estraro de U.E.A. kaj utiligas por sia laboro la centran Oficejon de U.E.A. en akordo kun ties direktoro.

Por esti elektitaj la membroj de I.E.K. devas esti universitataj profesoroj, kunlaborantoj de universitataj seminarioj, universitataj asistantoj. La komisiono rajtas alelekti gravajn personojn por helpi ĝin laŭbezone.

**IV) KANDIDATOJ** — Povas kandidatiĝi por ekzameniĝo tiu, kiu prezentas ateston pri sukcese subtenita supera ekzameno por instruado de Esperanto en sia lando.
Por la landoj, kie ne ekzistas tiaj ekzamenoj, la I.E.K. postulos de la kandidato skriban antaŭekzamenon kaj indikon de la instruiteco. La I.E.K. decidos pri la kandidateco de la petanto.

**V) EKZAMENOBJEKTO** —
1 Gramatiko
2 Literaturo de Esperanto (originala kaj traduka)
3 Historio de la Esperanto-Movado
4 Terminaroj
5 Instrumetodoj
6 Pedagogio (por kandidatoj ne profesiaj instruistoj)

**VI) LERNOLIBROJ KAJ TEKSTOJ KONSILINDAJ** —
1 **Kompleta Gramatiko** de Fruictier
**Plena Gramatiko de Esperanto** de Kalocsay-Waringhien
2, 3 **Historio de la Lingvo Esperanto** de Privat
**Vivo de Zamenhof** de Privat
**Faktoj pri Esperanto** de Lapenna
**La Esperanto Movado** de Støp-Bowitz, Isbrucker
4 **Terminaroj** aperintaj en la eldonoj de U.E.A.
5 **Metodoj en Instruo de Esperanto** de Rakuŝa
6 **Pedagogia Revuo**

**VII) POSTULOJ RILATE LA SCION DE LA KANDIDATOJ**
1 Perfekta kono de ĉiuj gramatikaj kaj stilaj reguloj kaj formoj en parolo kaj skribo
2 Kono de la traduka kaj originala literaturo
3 Sufiĉe detala scio de ĉiuj pli gravaj eventoj en nia movado
4 Kono de la terminaroj laŭ la specialiĝo de la kandidato
5 Provleciono antaŭ la komisiono: klarigi gramatikon, sintakson, stilon.

## LINGVAJ DEMANDOJ

S-ano Inĝ. Jaromír Rebiĉek skribis al ni pri **Vagonaro-Trajno:**
Ĉiam mi legas kun intereso la enhavon de nia I.F. En la decembra numero vekis mian atenton la vortoj de s-ano Rosher pri **Trajno.**

Mi tute konsentas kun li kaj mi permesus al mi subteni liajn vortojn per speciala propono. Fakto estas ja, ke fakterminaro devas prezenti terminojn unusencajn, almenaŭ en la certa fako. La vorto **vagonaro,** kvankam difinita laŭ d-ro Zamenhof kaj PV same kiel **trajno,** povus en nia faka terminaro indiki specialan terminon, iom sence diferencan de trajno.

En nia faka servo okzas, ke estas necese paroli pri aro da kunligitaj vagonoj, kiu staras preparita sur certa trako por forveturigo, tamen **ne** frontas ĝin ankoraŭ lokomotivo. Plej ofte temas pri aro da vagonoj, kiuj cirkulas regule

inter du certaj stacioj, do pri vagonoj por pasaĝeroj. Tiun ĉi **aron da kuplitaj vagonoj,** formantaj ankaŭ siaspecan unuon, kiu tamen ne kapablas moviĝi, mi preferus indiki **Vagonaro** (germane: Garnitur; ĉeĥe: Souprava, francan terminon mi ne trovis bedaŭrinde).
Temas ja efektive nur pri **vagonoj,** do sen kiu ajn lokomotivo.
Estas kompreneble necese ŝanĝi por nia fakterminaro la priskribon de ĝia vortsenco. Por akcenti la necesecon de diferencigo, mi proponas jenajn terminojn:

1) **Vagongrupo:** aro da kuplitaj vagonoj de sama varspeco aŭ celstacio aŭ sim., staranta sur unu trako, kiu tamen ne estas aŭ ne devas esti preparita por forveturo kiel memstara trajno. (G: Wagengruppe, Ĉ: skupina vozová). Ekz.: Vartrajno konsistas el kelkaj vagongrupoj laŭ stacioj. Rapidegtrajno Praha—Česká Trbová konsistas el du vagonprupoj, el kiuj unu daŭrigas la vojon al Olomouc—Bohumín, la alia al Brno—Bratislava.

2) **Vagonaro:** aro da kuplitaj vagonoj, formantaj unuon, **sen** lokomotivo, preparitan fariĝi trajno. (G: Garnitur, Ĉ: souprava). Ekz. Preparu vagonaron sur trakon 38 por trajno 587.

3) **Trajno:** va:gonaro, ekipita per trajnsignalaro kaj trajnistaro, en kies fronto aŭ fino estas lokomotivo aŭ ĉiuspeca sin per propra forto moviĝanta veturilo, kaj kiu veturas aŭ ekveturos aŭ finveturis laŭ certa horaro. (G: Zug, Ĉ: vlak). Ekz.: Trajno 6584 haltigita inter A kaj B pro subita baraĵo sur la trako.

4) **Veturilaro fervoja:** la tuto de ĉiuspecaj veturiloj surrelaj, apartenanta al certa fervoja kompanio. (G: Wagenpark, Ĉ: oboz). Ekz.: Al la fervoja veturilaro apartenas vagonoj porvaraj, pasaĝeraj, vaporlokomotivoj, motorlokomotivoj, elektraj lokomotivoj, specialaj vagonoj ktp.

Inĝ. Jaromir Rebíĉik.

Ĉar kvar eminentuloj diris sian opinion pri Vagonaro-Trajno, ni opinias ĝin sufiĉe priparolita kaj tial finas la diskuton pri tiu temo. (Red. L.I.F.)

## EL LA REDAKTEJO

Pro manko de spaco ni devis prokrastigi la presadon de kelkaj artikoloj ĝis la sekvonta numero de L.I.F.

## UIC KONSENTIS PLANON DE INTERNACIAJ INDIKILOJ POR FRAJTVAGONOJ

Post plurjara traktado la Internacia Unuiĝo de la Fervojoj (franclingva mallongigo UIC) akceptis novan unuecan planon por la dispartigo kaj signifigo de la frajtvagonoj. Helpe de ĝi estos plifaciligata precipe la disdonado kaj uzado de la vagonoj en la internacia trafiko. La nova unueca signifigo estos enkondukata ekde la 1-a de januaro 1964.

Baldaŭ oni komencos la ŝanĝon de la frajtvagonaj indikiloj. Por faciligi al la fervojistaro la transiron al la novaj indikiloj, oni intencas konservi dum certa tempo la antaŭan anoncon de la vagonspeco apud la nova.

La nova signifigo antaŭvidas 11 grupojn da vagonoj kaj tute diferenciĝas rilate la specon kaj la specialaĵojn inter la vagonoj. Ĝi konsistas el internacia parto deviga por ĉiuj administracioj kaj el nacia parto koncerna nur la propran adminstracion.
La nova speca signo enhavas kiel ĝis nun grandan literon, kiu indikas la specon (sentegmenta, kuntegmenta, plata aŭ alispeca vagono) kaj same montras ĉu temas pri vagono de la regula kunstrumaniero aŭ diferenca.
La aliaj esencaj ecoj de la vagonoj estas esprimataj per malgrandaj literoj kaj limigataj en la internacia trafiko al la plej necesaj indikoj.
La indikoj gravaj por la enlanda trafiko estas skribataj dise per ligostreko. Ili simboligas ĉiam la samon. La literoj estas ordigitaj en alfabeta sinsekvo. Krome estas indikata la konstrujaro de la frajtvagonoj.

W. Barnickel, Germanio.

## GRAFIKA KONKURSO KUN PREMIOJ

La Germana Esperanto Fervojista Asocio (GEFA) alvokas ĉiujn interesulojn partopreni grafikan konkurson por krei plurkoloran afiŝon, kiu povos servi diverscele inter la fervojista esperantistaro.

La kondiĉoj estas jenaj:

1. La formato estu almenaŭ 29,5 oble 42 cm (DIN A3).
2. La afiŝo enhavu liberan spacon, kies formo povas esti laŭvola kaj kies grandeco estu minimume kvarono de la tuta afiŝo. Ĝi permesu postan surpresigon de specialaj informoj.
3. La afiŝo karakterizu la celojn de la fervojista esperantistaro. La emblemo (flugilrado kun verda stelo) ne nepre estas postulata.
4. Esperantlingvaj aŭ naciaj tekstoj ne estas allasitaj escepte de la vorto „Esperanto".
5. La koloroj estu maksimume kvar.
6. La afiŝoj ne devas esti jam prespretaj, sed ne sufiĉas nur skizaj ellaboraĵoj.

Ĉiu povas partopreni per laŭvola nombro da afiŝoj, kiuj restospropraĵoj de la aranĝanto. La sendaĵoj devas atingi la sekretariejon de la Germana Esperanta Fervojista Asocio, Frankfurt (M), Karlstrasse 4-6, Germanujo antaŭ la 1-9-1960. La decido de la juĝkomitato estos definitiva.
Disdonataj estos: unu premio je 30 germanaj markoj, du premioj je 20 gm kaj tri premioj je 10 gm.
La premioj estas transfereblaj al laŭvola lando. Ĉiuj afiŝoj estos montrataj publike okaze de la tiujara kunveno de GEFA en Trier. La rezultoj de la konkurso estos publikigataj en „Bulteno", organo de GEFA kaj „La Internacia Fervojisto", organo de IFEF.

Gemana Esperanta Fervojista Asocio.

## LA JUGOSLAVIA HORARLIBRO KUN ESPERANTA TEKSTO

Dank' al la fervora klopodado de la Jugoslavia Asocio de Fervojistaj Esperantistoj oni sukcesis en Jugoslavio akiri unu novan tre gravan sukceson. Temas pri la fakto, ke ekde la ĉi-jara horarsezono 1960-1961 oni povos legi en la oficiala Horarlibro de la Jugoslaviaj Fervojoj diversajn klarigojn ankaŭ en Esperanto krom la ĝisnunaj serb-kroata kaj franca tekstoj.

Elekton kaj tradukon de la teksto faris inĝ. Sekereŝ Ludoviko el Novi Sad en kunlaboro kun kamarado Gvozden Sredic, oficisto de la Ĝenerala Direkcio de la Jugoslaviaj Fervojoj. La teksto okupos du plenajn paĝojn kaj enhavos klarigojn pri la uzado de la Horarlibro, rezervigo de sidlokoj, pri vojaĝprezoj en enlanda kaj internacia trafikoj, informojn pri doganaj traktadoj kun pasaĝeroj, regulojn pri uzo de motoraj trajnoj, regulojn pri validecdaŭro de veturbiletoj kaj pri interrompo de vojaĝo.
La Jugoslavia Fervoja Administracio estas la tria en la mondo kiu enkondukas tiun ĉi novaĵon en sian oficialan Horarlibron.

Kiel konate, de antaŭ kelkaj jaroj tion regule faras la Germanaj, kaj je pasintan jaron ankaŭ la Polaj Fervojoj.

Ni gratulas al ĉiuj kamaradoj, kiuj per sia klopodo partoprenis en akiro de tiu ĉi nova sukceso por nia movado. Samtempe ni povas starigi la demandon: Kiu sekvos ilian ekzemplon?

Sredic V. Gvozden

## LA HORARKONFERENCO 1959

Dum la tempo 7—13 oktobro 1959 la Eŭropa Pasaĝertrajna Konferenco kunvenis en Vieno. Estis reprezentataj el 24 landoj 42 fervojaj administracioj, litvagonaj, restoracivagonaj kaj ŝipaj kompanioj.

La ĝenerala agado pritraktis i.a. la transiron al la dujara periodo de la internacia horaro, la analizon de la internaciaj trafikfluoj, la unuecigon de la trajnspecoj en la internacia pasaĝertrajna trafiko kaj la rezervigon de sidlokoj por unuope kaj karavane vojaĝantoj.

Denove estis farataj multnombraj demandoj rilate plibonigindan horaron. Ĉar la internacia trafiko sufiĉe kontentigas, la funkciigo de novaj trajnoj ĝenerale ne necesis. Tamen por la uzo de modernaj lokomotivoj povis esti rapidigataj gravaj komunikoj kaj atingataj favoraj horartempoj laŭ ekonomia kaj komerca vidpunktoj.

La jara horaro 1960-'61 komenciĝos dimanĉon la 29-an de majo 1960 kaj finiĝos sabaton la 27-an de majo 1961. La transiro de la somera al la vintra periodo estos dimanĉo la 2-a de oktobro 1960.
La venonta Eŭropa Pasaĝertrajna Konferenco okazos laŭ la invito de la Fervojoj de la Sovetunio en Leningrad de la 28-9 ĝis la 4-10-1960.

W. Barnickel, Germanujo.

## LA SVEDAJ ŜTATAJ FERVOJOJ ENTRAFIKIGAS NOVTIPAN TRAJNON

Elektra motorvagon-trajno en koloro papriko-ruĝa kaj blanka, de nova tipo, post kelkaj tagoj estos enkondukata de la Svedaj Ŝtataj Fervojoj.
Estas multpeza trajno, kiu estas liverata de la firmaoj Asea en Västeras kaj de Hilding Carlssons mekaniska verkstad (maŝinlaborejo) en Umea.

En la daŭro de la venontaj du jaroj ankoraŭ 13 similaj trajnoj estos en trafiko.
La vagonformigado estas tre variebla. Normala formado konsistas el du frontvagonoj kaj unu intermet(ita) vagono. Sed estas eble alkupli ankoraŭ unu intermetvagonon, kiam tio estas dezirata pro trafiktaskoj, kaj kiam la koncerna horaro kaj deklivcirkonstancoj tion permesas.

Estas ankaŭ eble veturigi per nur du frontvagonoj. Krom tio du kompletoj da vagonaroj povas esti kunkuplitaj, kaj kiel tuto manovrata de unu kondukisto. La ebloj varii, sin do streĉas de du ĝis ok vagonoj.

Unuavice tiuj trajnoj estas destinataj trafiki je meze longaj distancoj. Unu el la frontvagonoj enhavas krom kondukistejon, pakaĵejon, manĝaĵeton (pentry), kaj sidlokon por 24 pasaĝeroj. La alia frontvagono, kiu ankaŭ enhavas trakcian maŝinaron, enspacas 46 sidlokojn. La intermetvagonoj ekzistas en aranĝoj por unua kaj dua klasoj. En dua klaso kvar foteloj staras laŭlarĝe, du foteloj ambaŭflanke de la mez-iro. En unua klaso troviĝas tri foteloj laŭlarĝe, la dorsapogiloj de ili estas ŝanĝeblaj en kvar diversajn poziciojn, sen okaziĝo de ĝeno kontraŭ malantaŭan sidanton.

La kovraĵo sur la foteloj estas diversa. En dua klaso ĝi estas ruĝa, verda kaj turkoza. En unua klaso ĝi estas flava. Per tio oni pli facile povas retrovi „sian vagonon", se oni ĝin forlasas por promeno en la trajno.

Per granda klopodo oni zorgis por ke la trajno fariĝu kiel eble plej komforta por la pasaĝeroj. En la dorsoj de la foteloj estas faldeblaj servad-tabloj. Aliaj menciindaj specialaĵoj estas piedapogiloj kaj apartaj vestejoj por pendigo de supervestoj. Tiel al la eksteraĵo kiel ankaŭ al la internaĵo oni dediĉis multan klopodon, por en ĉiuj celoj fari la vagonarojn atraktivaj por la pasaĝeroj.

Ekstere ili estas pentritaj en papriko-ruĝa koloro kun laŭlongaj blankaj strioj.

La varmigado estas tute elektra, parte farata per radiatoroj, parte per varma aero. Ĉi tiu lasta estas uzata por ke estiĝu certa superpremo en la vagonoj. La grado de varmigo estas per termostatoj aŭtomate reguligata. Supre de ĉiu fenestro pendas spegulo, oblikve metata. En ĉiuj tualetejoj estas por servo al la sinjoroj, kontaktilo por elektraj raziloj.

La trajnkompletoj estas ekipitaj per laŭtparoliloj. La lumigado ĝenerale estas donata de fosforeskaj lumtuboj. Ĉiuj fenestroj en la pasaĝerapartigoj estas en sia konstruo de nova tipo kun hermetika enfermo de la aero inter la ekstera kaj interna vitroplatoj, tiel ke ne okazu kondencaĵo sur la surfaco de la vitroj.

En unu el la frontvagonoj estas genie elpensita manĝaĵeto, kiu donas al la migranta servistaro provizaĵon por ĝia servado, kiu okazas rekte je la sidlokoj de la vojaĝantoj.

La maksimuma rapideco estas 105 kmh. La elektra energio, fluanta de la kontaktkondukilo tra la pentografo al transformatoro, lokita en unu el la paraj frontvagonoj, donas tirpovon al la du trakcio-motoroj, unu en ĉiu el ambaŭ frontvagonoj, kiuj motoroj siavice tiras la internan radakson de la boĝioj de tiuj vagonoj. La efekto de la motoroj estas 460 ĉ.p.

En ambaŭ eksteraj finoj de la frontvagonoj la trajno estas ekipita per kuplilo de tipo Scharfenberg. La intermetvagonoj havas similajn kuplilojn, kompletigitaj per kontaktiloj por kuplado de la motorkurento kaj la kurento por varmo.

Dank' al tio kaj al la speciala konstruo de la intervagonaj balgoj, oni ebligis, ke estas eble al- aŭ dekupli vagonon en tre mallonga tempo, io, kio ne estis eble en fruaj similaj trajnoj.

Ogren, Svedio.



## NI RECENZAS

**Taglibro de Anne Frank,** el la nederlanda originalo tradukis G. J. Degenkamp. Eldonis Heroldo de Esperanto, Scheveningen, Nederlando. Tuttolbindita, prezo 7,80 ned. guld. Formato 13×19.

Ofte oni legas pri verkoj de junaj aŭtorinoj, kaj ĝenerale temas pri epizodoj el ilia propra vivo. Tio ne estas mirige, ĉar ilia mondo ankoraŭ estas tre malvasta. Tiel ankaŭ Anne Frank, 13-jara juna juda knabino.

Kontraŭe al aliaj revulinoj, Anne tamen ne havis la intencon verki libron. Ŝi nur deziris surpaperigi siajn korelverŝojn en taglibro, kvankam ŝi havis la etan esperon, ke iam ĉi tiu taglibro indos esti presata.

Infanoj ofte revas fariĝi iam famkonataj, kaj ankaŭ Anne esperis iel distingi sin. Bedaŭrinde tio ne okazis, ĉar ŝi finis sian vivon en marto 1945 en koncentrejo Bergen-Belsen. Unu revo ŝia efektiviĝis, nome la presado de ŝia taglibro, sed ŝi certe ne supozis, ke la libro fariĝus mondkonata.

Por konatigi niajn legantojn pri la aŭtorino, sekvas ĉi-sube parto el la komenco de la taglibro:

12 junio 1942

„Kelke da tagoj mi ne skribis, ĉar antaŭe mi volis serioze mediti pri la ideo de taglibro. Tre strangan senton havas knabino kiel mi, volante skribi en taglibro. Ne nur, ĉar mi antaŭe neniam ion verkis, sed precipe tial, ke laŭ mia supozo nek mi, nek iu alia poste interesiĝos pri la korelverŝoj de dektri-jara lernejanino. Sed verdire tio neniel gravas; mi sentas emon por skribi kaj ankoraŭ multe pli por ĝisfunde malŝarĝi la koron pri ĉiaj aferoj. Kaj per tio mi venis al la celo, kiu estas la centra punkto de la tuta taglibro-ideo: amikinon mi ne havas.

Por intensigi en mia fantazio la ideon pri longe sopirita amikino, mi volas noti la faktojn en la taglibro ne kiel faras ĉiu alia, sed mi volas, ke tiu ĉi taglibro mem estu la amikino, kaj tiu amikino nomiĝas Kitty. Pro tio, ke neniu komprenus miajn parolojn al Kitty sen antaŭa klarigo, mi devas koncize rakonti la historion de mia vivo, kvankam mi tion faras nevolonte.

Kiam miaj gepatroj geedziĝis, Patro jam estis 36-jara kaj Patrino 25-jara. Mia fratino Margot naskiĝis en 1926 en Frankfurt am Main; la 12-an de junio 1929 sekvis mi. Ĉar ni estis pursangaj judoj, ni elmigris en 1933 al Nederlando. Tie Patro fariĝis direktoro de la akcia societo Travies, kiu havas bonajn rilatojn kun la firma Kolen kaj Kompanio en la sama domo, kies kunfirmano mia patro estas.

Nia vivo pasis kun la neevitablaj ekscitiĝoj, sed post majo 1940 la tempo pli kaj pli malboniĝis: unue venis la milito, poste la kapitulaco kaj la invado de la germanoj. Kaj tiam komenciĝis la mizero por ni, judoj. Unu kontraŭjudan leĝon sekvis aliaj. Judoj devas porti rekonigan stelon surveste, judoj devas fordoni siajn biciklojn, judoj ne rajtas veturi trame, judoj ne rajtas uzi aŭtomobilojn, aĉetojn judoj rajtas fari nur inter la tria kaj kvina nur en judaj butikoj kun la surskribo: „Juda vendejo". Vespere post la oka judoj ne plu rajtas esti surstrate, nek restadi en sia ĝardeno, nek ĉe konatoj. Judoj ne rajtas viziti teatrojn, kinojn, aŭ aliajn amuzejojn. Pli kaj pli multiĝis tiaj malpermesoj".

Post kelkaj monatoj la vivo por la judoj fariĝis eĉ pli terura. Ili devis anonci sin por esti transportataj eksterlanden. Patro Frank ne ĝisatendis alvokon, kaj rifuĝis kun sia familio al la postdomo de sia kontoro, kune kun al la ili amika juda familio Van Daan.

Ĉi tiu rifuĝejo fariĝis la loko pri kiu temas la taglibro.
Unue ambaŭ familioj ĝentile interrilatis, sed baldaŭ estiĝis kvereloj, kelkfoje nur pro bagatelaĵoj, kio ne estas miriga, ĉar ili terure enuis. La nura novaĵo el ekster la postdomo atingis ilin pere de kelkaj fidindaj geservistoj, kiuj ankaŭ zorgis pri ilia nutraĵprovizado.
Anne Frank skribis detale pri ĉio, kio okazis dum ŝia restado en la kaŝejo: pri ilia espero kaj angoro, pri baldaŭa liberigo kaj seniluziiĝo.
Pli ol du jarojn ili restis tie. La 4-an de aŭgusto 1944 invadis la Verda Polico la Postdomon, arestes ĉiujn kaŝloĝantojn kaj transportis ilin al germanaj koncentrejoj. La tutan inventaron de la Postdomo forrabis la Gestapo. Inter amasoj da malnovaj libroj servistinoj trovis la taglibron de Anne. Escepte de kelkaj fragmentoj, senvaloraj por la leganto, la originala teksto estas publikigata. La libro estas ilustrita per kelkaj kortuŝaj bildoj.
La traduko en Esperanton estas senriproĉe farita de s-ro G. J. Degenkamp, la verkinto de „Gvidilo por la studo de Esperanta Literaturo" kaj „La Konsilanto pri la Esperanta Gramatiko", kaj tradukanto de „Si" kaj „La Hispana Tragedio".

## FERIO-SEMAJNO EN NEDERLANDO

Ankaŭ ĉi-jare la grupo Zwolle de FERN organizas ferio-semajnon en la konata ferio-hejmo „De Leemkule".
Ni invitas unue niajn gekolegojn-esperantistojn kaj ties familianojn, sed ankaŭ ne-esperantistoj estas bonvenaj, por sperti kiel facile diversnacianoj povas interkompreniĝi.
La aranĝo okazas en bela ĉirkaŭaĵo meze en arbaro. Diversaj aŭtobus-ekskursoj staras sur la programo. Interalie al la N.O.-kaj S.O.-polderoj, al la subĉiela muzeo en Arnhem kaj la famkonata Giethoorn. Fine per trajno al Amsterdamo. Tie ni boatveturos tra la graĥtoj kaj vizitos Marken kaj Volendam. La prezo por la tuta semajno, inkluzive ĉiuj ekskursoj estas 65 guldenoj. Petu vojaĝbiletojn de la limo tra Zwolle al Amsterdam.
Notu la daton: la 3-a ĝis la 10-a de septembro.
Rezervu feriotagojn por tiu okazaĵo kaj anoncu vin sufiĉe frue ĉe: H. G. J. van Gulik, Tulpstraat 16, Zwolle, Nederlando, kiu, se necese, donos pliajn informojn.




Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O., Nederlando